# La GAZETO de la XXIVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Parizo : 30a Julio - 6a Aŭgusto 1932

Ĉefredaktoro : Raymond Schwartz
Teknika Direktoro : L. N. Newell

Adreso de la Redakcio :
LA MAISON DE FRANCE
101, Avenue des Champs-Elysées
PARIS - VIIIe

Tarifo por Reklamoj : 300 frankoj po paĝo kaj proporcie por frakcioj ĝis 1/16 de paĝo. Rabato por ripetitaj enpresoj.

Nepresitajn manuskriptojn la Redakcio resendos, nur se ili estas akompanataj de respondkuponoj por la afranko.

## PRO CIRKONSTANCOJ KAJ KUTIMO...

« La kongresanoj dancis en naciaj kostumoj. »
El la *Plena Vortaro de Esperanto* (sub « kostumo »).

Apenaŭ la L. K. K. estis publikiginta la drakonan rekomendon, ke « la kongresanoj ne portu naciajn aŭ fantaziajn kostumojn », kiam ĝi ricevis tuj multajn larmojn de senesperaj fraŭlinoj, kies puran kongresĝojon atence minacis tiu dekreto.

Hodiaŭ, post restudo pri la problemo, la L. K. K. sciigas, ke oni povos porti naciajn kostumojn dum la kongresa balo. La decidoj de L. K. K. tre ofte havas logikan bazon. Koncerne la ĉapitron de l' kostumoj, la bazoj certe ne mankis, oni eĉ ektimis pro tiu multkolora baz-aro. Ne senkaŭze.

Victor Hugo en sia verko *La Mizeruloj* majstre pentris la tipon de Gavroche, kiu estas perfekta kopio de l' pariza stratbubo : sprita, mokema, por kiu nenio estas sankta. Jen la pariza popolo. Estus vere bedaŭrinde, se fiaskus la efika propagandsukceso, kiun ni esperas prave de l' Kongreso, tial ke strange vestitaj individuoj, eĉ malgraŭvole, ridindigus la movadon. Tiam la publiko satire kaj senkompate skuus nian belan idealon. En tiuj cirkonstancoj ni komprenu la skutimon de l' L. K. K., kiu decidis, kiel zorgema patrino, kion vi scias.

Sed, pripensinte, oni memoris, ke malpermeso ĉiam elvokas spiton. Ĉu la dekalogo mem ne konsistas el dek allogoj ? Kaj plue, ĉu la naciaj kostumoj ne estas respektinda tradicio de niaj kongresaj baloj ? Do ?

Ho miaj bonaj geamikoj, alportu viajn belajn naciajn kostumojn, sed — alportu ankaŭ normalan pantalonon, neŭtralan jakon, laŭtempan robon, kiujn vi portos en la urbo, kaj tiel vi faros, eĉ al la mokemaj parizanoj, impreson de seriozeco. Ne promenu sur niaj bulvardoj en nekutimaj vestoj. Tiam la publika opinio ne povos misinterpreti nian manifestacion. Esperantista kongreso definitive gajnos al nia afero valorajn simpatiojn, kiujn por ĉiam fortimigus universala karnavalo.

R. S.

# La L. K. K. kunsidas

Kiam en Parizo teatro anoncas, ke la kurteno leviĝos precize je la 9-a, vi povas esti certa, ke tio okazos almenaŭ duonhoron poste. Kiam ĉarma parizanino akceptas rendevuon kun vi kaj proponas, ke vi atendu ŝin tre precize je la 7-a sub la tria lanterno dekstre de l' Elizeaj Kampoj, vi povas esti certa, ke ŝi alvenos nur ĉirkaŭ la 8-a. Sed eble tio ne estas ekskluzive pariza specialaĵo.

Tamen, konante miajn parizanojn, mi pensis ĝis nun, ke nia Kongreso, fiksita je la 31-a de julio, komenciĝos verŝajne la 3-an de aŭgusto. Sed nun mi havas tute alian opinion. Ĉar intertempe mi ĉeestis kunsidon de la L. K. K. Kaj jen, kvankam tiu kunsido estas fiksita je la 8-a 1/2, ĝi okazis je la 8-a 1/2 (eble ne tre precize, sed tute proksimume), kio estas notinda progreso en nia lando kaj menciinda merito de la L. K. K.-prezidanto.

Tiuj kunsidoj okazas en la Kongresejo mem. En la vasta enirejo, orfe sola en la granda silenta templo, mi troviĝis kontraŭ moderna tabuleto, sur kiu mi povis legi : « Esperanto-Komitato, 2-a etaĝo, ĉambro L ». Dank' al servema lifto mi facile atingis la duan etaĝon, kaj por homo, kia mi, kiu ankoraŭ perfekte rememoras la alfabetan sinsekvon de ĉiuj literoj, estis vera infanludo malkovri la ĉambron L, kvankam ĝi ne troviĝas inter la ĉambroj K kaj M, kiel oni povus naive supozi.

Jam ĉeestis kelkaj L. K. K.-moŝtoj. Generalo Bastien, ĉiam soldate akurata, estis verŝajne la unue alveninta. Poste sekvis lin, verŝajne, s-ro Rousseau, kiu konservis el sia longa apotekista kariero efikan precizemon. Ankaŭ Newell, la ĝenerala sekretario, jam sidis tie, pintigante siajn plumojn, sed lia akurateco estas senmerita, ĉar li ja nestas en la Kongresejo seninterrompe, tage-nokte kaj eĉ pli. Iom post iom alvenis aliaj. Jen Dubois kun sia ĉarma rideto, jen la granda, pezega paperujo kun sia Marchand, jen nia severaspekta kaj orhumora amiko Jean Couteaux, jen aliaj, jen la prezidanto, Georges Warnier, kiu ĉe ĉiu aparte sin informas detale kaj scivole pri la fartostato : « Ĉu vi estas sana? Ĉu via familio estas sana? Ĉu viaj bestoj estas sanaj? » Kiel vi vidas, li ne povis senpune ĉeesti tri aŭ kvar Ĉe-kursojn, kaj nun dum sia tuta vivo li kunportos certajn postsignojn.

Kaj oni komencas.

La laŭtlegon de l' raporto pri la lasta kunsido, ĉar tio estus tro temporaba, oni heroe rezignas, kvankam la susuranta voĉo de l' ĝenerala sekretario havas la bonfaran, senangulan sonoron de lulkantistino. Kaj oni atakas la tagordon, kiun ĉiu ricevis jam ok tagojn antaŭe. Ĝi entenas dudek-ses punktojn, al kiuj la ĝenerala sekretario alfikis lastminute ankoraŭ tridek-sep aliajn, same urĝajn. Tiam proporcie al longeco de l' atakordo ankaŭ la vizaĝoj plilongiĝas.

Kaj sinsekvas la diversaj punktoj. Pri aliĝoj, kongresaj aranĝoj, gvidlibro, rabato, manĝo, kuŝo, k. t. p. Ĉiufoje, kiam temas pri elspezoj, frape kaj averte fanfaras la klarneta voĉo de Couteaux : « Ni ŝparu ! »

Eĉ Couteaux malgranda, konstante frapante
Memoras laŭkontan principon....

Tiam Newell eltiras el sia poŝo novan, jam pretan budĝetproponon, pli modestan ol la unua. Kaj ree oni diskutas, pristudas, pesas, mezuras, kalkulas, opinias kaj kontestas. Tiam Newell eltiras el sia poŝo alian, jam pretan budĝetproponon, ankoraŭ pli modestan ol la dua, kaj oni konkludas. Per rapida manlevo oni are jesas : akceptita. Sed estas ankaŭ aliaj punktoj, la nigraj, tiuj ĝenaj muŝoj dum ĉiu agrabla kunsido. Ilin senkompate formanĝas la terura ara neo.

Intertempe la tagordo fariĝas noktordo. Pli kaj pli ofte senpaciencaj horloĝoj eliras el la poŝoj. « Paciencon ! » avertas la prezidanto, « restas ankoraŭ kvardek-tri punktoj ... », kaj tamen okazas, ke iam oni finas. Nun oni rapide leviĝas kaj konstatas unuanime : Soifo !

Feliĉe, troviĝas bona kafejo rekte apud la Kongresejo. Tie post noktomezo, la prezidanto malfermas la duan parton de la L. K. K.-kunsido.

Kaj nun post tiu sperto, mi ne povas kredi, ke la Kongreso finiĝos jam la 6-an de aŭgusto.

J. L.

## Lastmomenta Sciigo

LA NOVA PREZIDANTO
DE LA FRANCA RESPUBLIKO
HONORAS LA KONGRESON

En nia lasta numero ni anoncis la tragedian morton de s-ro Paul Doumer, kiu estis akceptinta la Honoran Prezidantecon de la Patrona Komitato de la Kongreso.

Ni nun povas anonci, ke lia posteulo, s-ro Lebrun, afable konsentis okupi lian lokon kiel Honora Prezidanto de la Patrona Komitato de la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto.

# PACO PER ESPERANTO

[*La verkinto de tiu ĉi artikolo, s-ro Gabriel Chavet, estas unu el la plej malnovaj Esperantistoj de Francujo; li lernis nian lingvon en 1896, kaj estis unu el la fondintoj de la Grupo Esperantista de Parizo en 1900. S-ro Chavet ludis gravan rolon en nia movado, de la jaro 1905, kiam li akceptis la taskojn de sekretario de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, ĝis 1922, dato de la fama kontrakto de Helsinki, kiun li ellaboris kun d-ro Privat kaj voĉdonigis de la tiujara Kongreso. Ano de la Lingva Komitato, li verkis kun s-ro Georges Warnier francan* Esperanto-Manuel *kaj francan-Esperantan Vortaron. S-ro Chavet estas ankaŭ agema pacifisto; li estis sekretario de la Internacia Instituto por la Paco.* — La Redakcio.]

Mi esperas, ke neniu riproĉos min pri atenco kontraŭ neŭtraleco de nia movado, se mi deklaras, ke la disvastiĝo de Esperanto estas konsiderata de preskaŭ ĉiuj Esperantistoj kiel unu el la plej efikaj rimedoj por certigi tutmondan pacon. Ĉiuj scias, ke tiu alta, bela celo gvidis nian Majstron en la ellaborado de lia genia verko. Multaj el ni cetere entuziasme lernis kaj propagandis Esperanton, ne pro utilaj, praktikaj celoj, sed precipe, ĉar ili konsciis, ke tion farante, ili partoprenas en iu modesta sed certa grado, en tiu granda entrepreno de internacia paciĝo.

Antaŭ la milito, la Esperantistoj jam priokupiĝis pri tiu paca idealo. Ili ne nur multigis siajn internaciajn rilatojn, lernante tiamaniere la toleremon, simpation por alilanduloj, kreante en si mem internacian spiriton favoran al ĉiuj pacaj entreprenoj; sed plie, ili penis grupigi la teknikistojn de la paco, t. e. tiujn el ili, kiuj volas efike, precize labori en difinita organizaĵo por helpi la starigon de paco pere de taŭgaj institucioj. Ili fondis Societon Esperantistan por la Paco, kies organo *Espero Pacifista* aperis unuafoje en 1905 dum la unua Kongreso kaj kies prezidanto estis mia malnova amiko Gaston Moch, unu el la plej kompetentaj teknikistoj de la paco.



Tiuj klopodoj de la pacifistoj ne estis vanaj; ili donis fruktojn post longa kaj terura militperiodo. Nuntempe oni decide aplikas la pacifistan programon: multigo de la traktadoj pri konstanta arbitracio, funkciado de la Kortumo de Justeco de Hago; funkciado de Ligo de Nacioj kun ĝiaj aneksoj; oftaj interregnaj konferencoj, plimultigo de ĉiuspecaj internaciaj rilatoj inter la privataj institucioj, inter infanoj, studentoj, homoj el ĉiuj klasoj, kaj super ĉio, universala, potenca, nekontraŭstarebla malamo al milito, kiu, ni tion devas esperi, estos certe pli forta ol ĉio ajn por malhelpi la revenon al la milito.

Inter tiuj diversaj faktoroj de la nuna homara evoluo, ni, Esperantistoj, devas pli speciale interesiĝi pri unu el ili: plimultigo de la internaciaj rilatoj. Oni povas diri pri tiu punkto, ke nun ekzistas, flanke de la diversaj ŝtatoj aŭ pli bone, ekstere de ili, granda internacia aŭ pli bone eksternacia nevidebla Ŝtato, konsistanta el anoj de la diversaj landoj, kiuj interrilatas senpere de nacio al nacio kaj agadas sur internacia plano anstataŭ agadi en la kadroj de la diversaj ŝtatoj. Tiu eksternacia Ŝtato konsistas precize el amaso de multaj grupoj, asocioj, societoj, institutoj, federacioj, k.t.p., kiuj celas diversajn objektojn, ĉu ekonomiajn, profesiajn, idealajn, sciencajn, k.t.p.

La ekzisto kaj evoluado de tiu Superŝtato estas certe esperplena, ĉar ĝi faciligos la estontan organizon de la mondo, en paca celado, sed en la nuna tempo, ni ne devas tro rapide ĝoji.

Efektive, kiel prave rimarkis s-ro Jacques Lambert, en sia kurso en la Universitato de Lyon pri la organizo de Paco, tiu Superŝtato estas nuntempe tute anarĥia; ĝi konsistas nur el egoistaj interesoj kiuj ne harmoniiĝas unuj kun la aliaj: ĝi ne posedas direktajn kaj kontrolajn superajn organojn; tio estas laŭ la Lyon'a profesoro, eĉ danĝero por la paco, ĉar la diversaj gravaj interesoj, kiuj kunekzistas en la eksternacia ŝtato, ne povas esti sufiĉe kontrolataj de la naciaj registaroj. Li aldonas, ke ni nun troviĝas antaŭ tiu stranga paradokso: Neniu deziras militon sed ĉiuj timas ĝin, ĉar ni scias, ke milito povas veni simple ĉar la interesoj de la diversaj nacioj estas forte kunligitaj kaj malbone kontrolataj. Kaj li konkludas per tiu malgaja konstato, ke mankas ĝis nun institucioj vere taŭgaj por regadi tiun eksternacian ŝtaton, institucioj, kiuj ne estus simple interregnaj organismoj, sed kiuj zorgus nur pri la ĝeneralaj, supernaciaj, tutmondaj interesoj.

Nia Esperanta movado estas parto de tiu Superŝtato: pli bone estas diri, ke la Esperanta movado estas malgranda (ĝis nun) bildo de la Superŝtato, kiu montras ĝin tia, kia ĝi devus esti. Nia movado estas kunigo de diversaj grupaĵoj, institutoj, asocioj kun diversaj celoj, kiuj laboras, ne sur la plano nacia, ne en la kadroj de la nacioj, sed sur alia plano, sur plano supernacia. Sed ĉiuj miaj legantoj scias, ke nia Esperanta movado havas specialan karakterizon, kiu distingigas ĝin de la aliaj internaciaj agadoj; t. e. la uzo de komuna lingvo.

Pri la granda diferencigo inter la Esperantistaro kaj la aliaj internaciaj grupaĵoj, kaŭzita de la uzo de komuna neŭtrala lingvo, mi ne bezonas insisti tie ĉi; mi skribas por konvinkitoj. Sed mi volas insisti pri la grandioza rolo kiun ni, Esperantistoj, devus ludi kaj ludos en la organizo de la estonta homaro, en la fortikigo de la kontraŭmilitaj institucioj, en la evoluigo de la eksternacia ŝtato, pri kiu ni parolis supre, ĝis la definitiva starigo de la monda paco.

Prezenti nian lingvon al interregnaj organizaĵoj kiel la Ligo de Nacioj, tion ni faris kaj ni ricevis ĝentilan saluton. Sed nuntempe la kampo de nia agado ne restas tie; ĝi kuŝas en

la diversaj partoj de la eksternacia ŝtato, kiu iom post iom etendiĝas sur la tuta mondo. En ĉiuj internaciaj grupajoj, institucioj, ni devas enirigi propagandistojn, kiuj insiste, persiste kaj senlace montros la utilecon de Esperanto, penos ricevi, almenaŭ en komenco, moralan apogon: poste tradukos dokumentojn kaj bultenojn, organizos en la internaciaj kongresoj, almenaŭ unu demonstracian kunsidon, en kiu la diversaj temoj de la kongreso estos pritraktataj kaj diskutataj en Esperanto, k. t. p. Tiuj propagandistoj grupiĝos en « kerno », meze de la internacia asocio kaj povos tiamaniere certe, konstante kaj efike agadi.

Tiu speciala propagando en difinitaj medioj estas nur branĉo de la senlaca propagando, kiun faras la Esperantistoj, de la fondo de nia movado. Sed se tiu propagando havus kiel celon nur la enkondukon de praktika eltrovaĵo por faciligi kaj pliagrabligi la modernan vivon kaj la nuntempajn postulojn, ĝi ne meritus la memoferon de tiom kaj tiom da entuziasmuloj, kiuj, dum kvardek kvin jaroj, oferis por ĝi siajn tempon, laboron, monon, sanon kaj plej gravajn privatajn interesojn. Sed ni ĉiuj estis kaj estas konvinkataj, de nia Majstro, kiu donis la komencan puŝon al la movado, ĝis la plej « nove bakita » samideano, ke *la progresoj de Esperanto estas nepre necesaj por la tutmonda paco.*

La uzo de komuna lingvo en la internaciaj rondoj estas unu el la plej efikaj rimedoj, ne nur por plibonigi, eĉ kelkafoje ebligi la interkonatiĝon de la diversaj anoj, sed por krei inter ili nepre necesajn sentojn de simpatio, sen kiuj neniu tiuspeca entrepreno povas sukcesi. Uzo de komuna neŭtrala lingvo, tio signifas, kreado, iom post iom, de komuna spirito, de komuna maniero por kompreni, kaj solvi. Se ĝis nun la eksternacia Superŝtato, pri kiu ni parolis, estas tiel anarhia, ke ĝi estas konsiderata de kelkaj personoj kiel pli danĝera ol utila por la paco, la kaŭzo estas manko de tiu komuna spirito, kiu sola povas alporti konkordon, kaj manko de komuna lingvo, kiu helpadus plej efike al la formado de tiu komuna spirito.

Paco per Esperanto! ĝi estis la devizo de la antaŭmilita societo de pacifistaj Esperantistoj, kies fondon mi memorigis. Tiuj samaj vortoj estu nun la programo de ĉiuj samideanoj; hodiaŭ neniu programo estas pli urĝa kaj pli bela!

GABRIEL CHAVET.

## 1914-1932

Kaj ree antaŭ la muroj de Parizo ekstaras la armeo de pacaj Esperantistoj por gajni la simpation kaj korojn de la spirita mond-ĉefurbo, kiu en la historio de Esperanto ekludis tiel grandan rolon. La duan fojon, ĉar la unuan fojon en la jaro 1914 la subita tutmonda ventego dispelis niajn arojn preskaŭ antaŭ la pordo de Parizo. La jaro 1914 rememoriĝas al mi ankaŭ de alia vidpunkto. Mi memoras la tagon de la forveturo de mia frato Ludoviko al la kongreso. Li preparis sin por tiu ĉi vojaĝo la tutan jaron. Parizo havis por li specialan ĉarmon kaj signifon. Ĝi estis lulilo de l' vekiĝanta Esperanta movado kaj samtempe fonto de reforma ribelo. La jaro 1914 estis ankoraŭ freŝa dato post la ĵus finita batalo kun Ido. La kongreso en Parizo devis montri al la mondo nian venkon. Ne estis do mirinde, ke mia frato atendis tiun ĉi kongreson ne nur kun senpacienco, sed ankaŭ kun kaŝa timo. Nur tiu ĉi cirkonstanco klarigas, kial malgraŭ minacaj nubegoj amasiĝintaj sur la horizonto de Eŭropo, li ne ektimis eĉ la unuajn simptomojn de l' komenciĝanta ventego kaj decidis veturi Parizon malgraŭ avertoj de siaj amikoj. La akcidentoj fulmrapide sekvis unu post alia. Mia frato sukcesis ĝisveturi nur la francgermanan limon kaj de tiu ĉi loko estis devigata reveni hejmen. Kiel plorinda estis tiu ĉi reveno, scias nur tiu, kiun la milita uragano trafis survoje sur fremda grundo. Mia frato revenis disbatita ne nur korpe, sed ankaŭ morale. Tiu ĉi lasta turmento estis por li multe pli kruela ol la alia. Ĉiuj liaj revoj, ligitaj kun la ideo de la lingvo internacia, estis brutale disbatitaj. Lin konsolis nur unu sola espero, ke tiu ĉi freneza ventego forpasos eble rapide. Sed li trompiĝis, kiel milionoj da aliaj, kiuj per sia sango pagis la nepardonindan facilanimecon kaj miopecon de la homaro.

De tiu ĉi tempo forpasis jam dek ok jaroj. Antaŭ la pordoj de Parizo komencas ree ariĝi la pacarmeo de Esperantistoj. La ventego de la jaro 1914 foriris jam de longe, sed la mondo ĉiam ne povas reveni al ekvilibro. La senkonsila homaro ĉiam ne volas vidi la efektivajn kaŭzojn de la travivita malfeliĉo kaj ĉiam sopire serĉas ventegojn, kvazaŭ en ili estus kaŝita la savo. La homoj konsolas sin per kredo, ke la mondo travivas hodiaŭ nur krizon, post kiu venos ree ordo kaj prospero. En sia miopeco ili ne vidas, ke tio ĉi ne estas krizo, sed grava profunda metamorfozo de nia tuta vivo, ke el la hodiaŭa situacio ne eliriĝos nin novaj eksteraj formoj, sed interna aliiĝo. Tiel longe, kiel la mondo ne transformiĝos en unu organismon, la repaciĝo estas nur vana revo!

Ni esperu, ke tiu-ĉi-jare nenia neantaŭvidita ventego forpelos nin de la muroj de Parizo kaj ke la paca armeo de Esperantistoj disvolvos kviete siajn modestajn standardojn sur ĝiaj muroj. Francujo, kiu sur sia venka brusto eltenis la ĉefan pezon de la pasinta milito, pli bone eble ol alia lando komprenos la altan valoron de niaj etaj penoj, celantaj montri al la mondo, ke la paca intervivo de popoloj ne estas utopio, sed neceso!

D-ro Leono Zamenhof.

## La Urbfervojo de Parizo

La urbfervojo pariza, kiun la Administracio nomas pompe « Chemin de fer métropolitain de Paris » sed kiun la *Parigot* (popolparizano) baptis simple « Métro », estas la plej grava afero de nia urbo.

La maljunaj parizanoj ne scias kiamaniere ili vivis, kiam ne ekzistis tiu vojo. La statistikistoj, kiuj estas kelkfoje interesaj homoj, diras, ke la trafiko estas 7.700.000 vojaĝantoj, meznombre, por ĉiu linikilometro.

Notu, ke la urbfervojoj de Novjorko, Berlino kaj Londono transveturigis proksimume la unua 6.000.000, la dua 4.500.000 kaj la tria 3.200.000 vojaĝantojn.

Dum la jaro 1930, la parizan Metron uzis 880.000.000 vojaĝantoj. Dum 1931, oni kalkulis 930.000.000, kaj oni opinias, ke dum la jaro 1932 la nombro de vojaĝantoj estos pli ol unu miliardo.

Tiuj nombroj estas mirigaj, kiam oni scias, ke unu trajno, kun sep veturiloj, forkondukas 34.000 uzantojn unuhore. Kompreneble la Metroveturiloj ne similas la litvagonojn aŭ la pulmanojn, kaj el la vojaĝantoj ne ĉiuj estas komforte sidantaj.

Verdire, oni opinias kelkfoje, ke la inĝenieroj eksperimentas, ĉu la homajn korpojn oni povas ankoraŭ premi! Sed, kia mirindaĵo! La parizanoj volas ĉiuj uzi la Metron matene je la oka, poste je la dekdua kaj fine je la deknaŭa!

Serioze parolante, en la Metro oni povas vojaĝi kviete ĉie kaj je preskaŭ ĉiuj horoj. Kompreneble oni ne povas ĉiam sidiĝi, sed nelongaj estas la veturoj, ĉar vi trapasas la tutan urbegon en tridek minutoj; plue, se vi havas la bonŝancon esti maljuna sinjorino aŭ brakporti infaneton, tuj iu donas al vi sian sidlokon. Estas ankaŭ en ĉiuj veturiloj, lokoj rezervitaj per numeroj por la militvunditoj.

Sed mi ne plu parolas pri la Metrovojaĝo, ĉar mi nenion lasus al via sciemo de alilandanoj, kiam vi venos post unu monato. Do, mi preferas sciigi al vi kelkajn faktojn pri nia Metro.

Oni pripensis pri tiu aferego jam en la jaro 1871, sed la unuaj pioĉoj nur eklaboris fine de la jaro 1898.

La 19-an de julio 1900, la unuan linion uzis la parizanoj, de *Porte de Vincennes* ĝis *Porte Maillot*, irante al la Universala Ekspozicio.

Poste, jaron post jaro, la inĝenieroj donis al la publiko la liniojn 2, 3, 4, k. t. p., ĝis 11 nuntempe (126 kilometroj), sed tio ne estas finita kaj baldaŭ oni iros « Metre » al la parizaj ĉirkaŭaĵoj, kiel en Londono. Kompreneble oni uzas la elektron. En la tirvagonoj la kurento alvenas per aparta relo (oni nomas ĝin la tria relo), aŭ per supera fadeno, laŭ la formo de simpla kurento je 600 voltoj.

Nuntempe la Metro bezonas 260 milionojn da K. V. H. por la tirado, la lumigado kaj la funkciado de multaj liftoj (50) aŭ meĥanikaj ŝtuparoj (30).

La sendanĝereco estas atingita ankaŭ per elektro. La vojo estas dividita laŭ sekcioj malkunigitaj per izolantaj juntoj. Kiam unu trajno estas en unu sekcio, la du malantaŭaj lumsignaloj estas ruĝkoloraj, kaj estas ĉiam sekcio ne okupita inter du trajnoj. Tiel oni estas certa, ke nenia akcidento estas ebla. Efektive la vojaĝantoj povas veturi kortrankvile.

Aliparte, ĉe la subteraj vojoj la aero estas malvarmeta dum varmegaj tagoj, kaj ĉe la viaduktaj vojoj oni vidas ĉie belaĵojn. Kaj je ĉiuj horoj vi havos bonegan okazon studi la parizanon... kaj la parizaninon.

Marcel D. Dupuis.

## Anoncetoj

*Kongresanoj kaj aliaj, kiuj deziras trovi korespondanton, povas publikigi anonceton sub tiu ĉi rubriko. La prezo estas unu franca franko por ĉiu linio (el sep vortoj) aŭ parto de linio.*





*Foto Yvon*

LA BIBLIOTEKO SAINTE-GENEVIÈVE, PREĜEJO SAINT-ÉTIENNE-DU-MONT, TURO SAINTE-GENEVIÈVE KAJ LA FLANKO DE LA PANTEONO.

# LA XXIVᴬ UNIVERSALA KONGRESO

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932

## OFICIALAJ SCIIGOJ

**Oficiala Invito :** La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

**Honora Prezidinto de la Patrona Komitato :** † S-ro Paul Doumer, Prezidinto de la Franca Respubliko.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto, Georges Warnier ; Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien ; Kasisto, Lucien Tuleu ; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell ; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, L. Cozic, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

**Kongresa Oficejo** *(adreso por ĉiuj komunikaĵoj) :* La XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto, Maison de la Mutualité, 24, rue Saint-Victor, Paris-V.

**Banko :** La Société Générale (Agence HV), Paris (konto N° 10.066). Ĉekoj estu pagotaj al « XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto ».

**Poŝtĉeka Konto :** Oni adresu poŝtajn ĉekojn al « XXIVᵉ Congrès Universel d'Esperanto, Paris N° 1647-59 ».

**Fervojaj Rabatoj :** Kelkajn tagojn post la apero de tiu ĉi numero, la L. K. K. sendos al ĉiuj kongresanoj mendilon por la rabatilo sur la francaj fervojoj. Estas necese resendi la mendilon kiel eble plej frue ; alie oni riskas ne ricevi la rabatilon sufiĉe frue por uzo survoje al la Kongreso. La L. K. K. petas, ke ĉiu zorge legu la artikolon pri tiu temo en la nuna numero, kaj ankaŭ la instrukciojn sur la mendilo mem.

Holandaj kongresanoj, kiuj intencas veturi kun la karavano organizata de s-ro J. Telling, bonvolu noti, ke ili devas sendi mendilon al la L. K. K. en Parizo ; sed poste ili devos sendi la *rabatilon* al s-ro Telling, kiu aĉetos por ili la bileton al Parizo (adreso : s-ro J. Telling, Bellevoijsstraat 36, Rotterdam).

**Loĝejoj :** Kun la mendiloj por la fervoja rabatilo la L. K. K. sendos ankaŭ la mendilon por hoteloj kaj aliaj loĝejoj. Kongresanoj bonvolu noti, ke ili devas resendi la mendilon kun sumo egalanta la koston de dunokta loĝado en la koncerna loĝejo. Oni notu ankaŭ, ke ĉiu senescepte devas kompletigi kaj resendi sian mendilon (kun ĉiuj detaloj), eĉ se oni jam skribis pri la temo al la L. K. K.

**Eksportado de mono el kelkaj landoj :** La Germana Esperantista Asocio ricevis de la Prezidanto de la Landa Financa Administracio *(Landesfinanzamt)* sciigon, ke germanaj kongresanoj povos aĉeti fremdan monon ĝis la valoro de RM 100, super la jam permesita sumo de RM 200. Oni devas sin turni al la *Devisenbewirtschaftsstellen* de la koncerna landa financa administracio *(Landesfinanzämter)*.

La L. K. K. ricevis la jenan kroman informon el la koncernaj ambasadorejoj en Parizo :

AŬSTRUJO : Oni povas elporti el la lando 200 aŭstrajn ŝilingojn. Por eksporti pli grandajn sumojn oni devas peti permeson al la *Devisenzentrale* en Vieno.

BULGARUJO : Oni rajtas eksporti aŭ elporti nur 300 levojn. Sed oni povas eksporti pli grandajn sumojn, ricevinte permeson de la Nacia Banko de Bulgarujo en Sofio.

ĈEĤOSLOVAKUJO : Oni povas sendi al la eksterlando 200 kronojn ĉiutage, ĝis maksimumo de 1.000 kronoj en unu monato. Per tiu ĉi rimedo oni povas pagi sian kotizon, kaj ankaŭ starigi al si krediton ĉe la L. K. K., kiu repagos la ricevitan monon al la kongresano ĉe lia alveno en Parizo. Oni rajtas elporti kun si 1.000 kronojn.

GERMANUJO : Oni rajtas forsendi RM 200 ĉiumonate. Por elsendi pli grandan sumon oni devas peti permeson al koncerna *Landesfinanzamt*. Kiel ĉeĥoslovakoj, germanoj povas starigi al si krediton ĉe la L. K. K.

JUGOSLAVUJO : Por eksporti aŭ elporti monon, oni devas peti permeson al la Ministerio pri Financo.

**Kongresaj Ekskursoj :** La L. K. K. fiksis la prezon por la vespera ŝipekskurso al St-Cloud, je 5 francaj frankoj.

**Kongresa Teatraĵo :** La libra eldono de la Esperanta traduko de *Knock* jam aperis, prezo 7 fr. 50 (afranko kvindek centimoj). Kongresanoj kaj aliaj povas jam mendi ĝin (kunsendu la koston) ĉe la L. K. K. aŭ ĉe s-ro S. Grenkamp, 117, boulevard Jourdan, Paris-XIV.

**Fakaj Kunvenoj :** Oni anoncis la jenajn, pluajn fakajn kunvenojn : Virina Esperanta Internacia Asocio ; Kristana Esperantista Ligo Internacia ; Oomoto ; Komercistoj (organizata de la societo « Esperanto et Commerce ») ; Interligo

Tutmonda de Optikistoj kaj Okulistoj; kunveno pri filozofiaj temoj.

**Komisionoj :** La L. K. K. elektis s-ron Léon Agourtine Sekretario de la Komisiono pri la Franca Gazetaro, kaj s-ron Valot membro de la Komisiono pri la Alilanda Gazetaro.

**Kostumoj :** Ricevinte multajn petojn, la L. K. K. decidis modifi sian rekomendon kontraŭ la portado de naciaj kostumoj en la Kongresa Balo. Tamen, oni ankoraŭ forte rekomendas, ke kongresanoj ne portu la nacian kostumon surstrate dum la Kongreso, kaj ke oni portu fantazian kostumon nek sur la strato nek en la Kongresa Balo.

## Donaca Kaso

Kvina Listo

Transportita el la Kvara Listo, Fr. 1.997,25; J. Beau, 25; F. Arnaud, 5; f-ino L. Frost, 25; s-ino A. M. De Luyck, 5; E. Gabert, 20; B. Fröhlich, 25; s-ino A. M. D. Dekkers, 15; H. Leroudier, 25; P. Pytloun, 3; H. Dubuisson, 25; J. Lhermite, 25; S. Moc, 3; F. M. Swinne, 20.

**Sumo, Fr. 2.218,25.**

## Blindula Kaso

Kvina Listo

Transportita el la Kvara Listo, Fr. 2.662,75; R. Curnelle (kolektita ĉe la Flandra Esperanto-Kongreso), 100; s-ino Gillett, 463,50; T. J. Guéritte, 46,50; s-ino Webster-Williams, 23,25; f-ino A. A. Williams, 23,25; R. Curnelle, 50; C. Lemaire, 5; f-ino Tisell, 125; C. Coguet, 50; A. Humez, 20; s-ino Chance, 5; « Sepdekjarulo » (Lille), 5; s-ro Meyer, 20.

**Sumo, Fr. 3.599,25.**

## Subvencioj

Tria Listo

Transportita el la Dua Listo, Fr. 6.250; Ĉambro de Komerco en Poitiers, 100; Ĉambro de Komerco en Roanne, 150.

**Sumo, Fr. 6.500,—.**

## Garantia Kaso

Kvara Listo

Transportita el la Tria Listo, Fr. 134.600; prof. A. Cotton, 2.000; Esperanto-Grupo de Nice, 200; C. Brunet, 300; R. Hug, 500.

**Sumo, Fr. 137.600.**

## SESA LISTO DE KONGRESANOJ

Kongres-numero

488. Kaarlo v. Haartman-Harteva, Temppelikatu 14, Helsinki, Finlando.
489. F-ino Sophie Holenstein, Unterer Graben 57, St-Gallen, Svisujo.
490. F-ino Th. Moosbrugger, Kirchstrasse, Gossau-IX, Svisujo.
491. Marcel Génermont (arkitekto), place de la République 11, Moulins-Allier (Allier), Francujo.
492. D. E. Parrish, Fordham Drive 109, Buffalo (N. Y.), Usono.
493. Russell Scott, Wilbury Crest, Letchworth, Herts., Anglujo.
494. F-ino Maria Csernak (kudristino), Isaszeg, Hungarujo.
495. Lajos Ulmer (komercisto), Rottenbillerutca 29-a, Budapest-VII, Hungarujo.
496. Imre Schwartz (komercisto), Fehérgyarmat, Szatmár-megye, Hungarujo.
497. Béla Holley, 111/37, Rákosliget, Hungarujo.
498. F-ino L. M. Itallie, Plantage 14, Leiden, Holando.
499. R. Israels (instruisto), 2 de Exloërmond, Drente, Holando.
500. Dirk Koster (maŝinskribisto), Stuartstraat 18, Alkmaar, Noord-Holland, Holando.
501. Martin Reima (ĉarpentisto), Stuartstraat 18, Alkmaar, Noord-Holland, Holando.
502. F-ino Marie Maitrejean (instruistino), boulevard Auguste-Raynaud 59, Nice (Alpes-Maritimes), Francujo.
503. S-ino Palmyre Lièvre-Lamy, boulevard Auguste-Raynaud 59, Nice (A.-M.), Francujo.
504. Geert Jalsing, Vossiusstraat 56, Amsterdam, Holando.
505. Georges Pottier-Boisvesin, rue Rampal 7, Paris-XIX, Francujo.
506. S-ino Céline Pottier-Boisvesin (floristino), rue Rampal 7, Paris-XIX, Francujo.
507. Aimé Cotton (universitata profesoro), rue M.-Berteaux 18, Sèvres (Seine), Francujo.
508. F-ino Martha Root (ĵurnalistino), care of American Consul, Praha, Ĉeĥoslovakujo.
509. Léon Gervois, rue de Lille 17, Paris-VII, Francujo.
510. Géza de Balkay (presisto), Ajtósi Dürersor 38, Budapest-VII, Hungarujo.
511. F-ino Maria Chr. Melis (instruistino), Svendastraat 27, Leeuwarden, Holando.
512. F-ino Sjouk Schuitemaker, Fonteinstraat 15, Leeuwarden, Holando.
513. C. W. M. Baans (arkitekto), Nic. Beetsstraat 8, Arnhem, Holando.
514. F-ino A. Margaretha Hooftman (instruistino de kuirado), Bagijnestraat 68, Leeuwarden, Holando.

515. Willem KUNNEN (urb-referendario), Krispijnscheweg 135, Dordrecht, Holando.
516. S-ino G. NAUTA-SCHUURING, Witmarsum, Friesland, Holando.
517. F-ino T. KOOPS (instruistino), Pretorialaan 115 B, Rotterdam, Holando.
518. Louis-Georges MONNOT, rue de la Prairie 8, Château-Thierry (Aisne), Francujo.
519. S-ino Blanche MONNOT, rue de la Prairie 8, Château-Thierry (Aisne), Francujo.
520. S-ino L. BORDESOULES (instruistino), rue Thaon de Revel 1, Nice (A.-M.), Francujo.
521. James I. HARROD (instruisto), Kineton Green Road 66, Olton, near Birmingham, Britujo.
522. S-ino Mary BRIGGS, Maitland Road 34, Woodthorpe, Nottingham, Anglujo.
523. Victor HAIGNERÉ (internaciaj transportoj), rue d'Isly 40, Boulogne-sur-Mer (Pas-de-Calais), Francujo.
524. ESPERANTO-GRUPO DE BORDEAUX, rue Adrien-Baysselance 11, Bordeaux (Gironde), Francujo.
525. F-ino Mina NERAD (oficistino), Restaurant de la Foux, Grasse (A.-M.), Francujo.
526. Prof. Henri JACOUBET (universitata profesoro), place Notre-Dame, Grenoble (Isère), Francujo.
527. Jean BEAU (leĝisto), Trinity College, Dublin, Libera Ŝtato de Irlando.
528. Johan A. KLEVEN (inĝeniero), Haraldsgt. 7/IV, Hamar, Norvegujo.
529. Brian Oliver PRICE-HEYWOOD (ĝardenisto), Timms Lane, Crabtree, Formby, Lancashire, Anglujo.
530. F-ino Marie-Anne GUYOMARD (kudristino), rue de Smala 5, Paris-XV, Francujo.
531. D-ro Rudolf MAEDER-LÖFFLER (apotekisto), Dufourstrasse 7, St-Gallen-O, Svisujo.
532. S-ino Thusnelde MAEDER-LÖFFLER (apotekistino), Dufourstrasse 7, St-Gallen-O, Svisujo.
533. Ernst BREITWIESER, Waldstrasse 12, Bingen a/Rh., Germanujo.
534. Raymond HUG (inĝeniero), rue Franchet-d'Espérey, Oujda, Maroko.
535. F-ino Catharina Marie SCHEFFELAAR (instruistino), Rijnboomstraat 72, Den Haag, Holando.
536. F-ino Sofia Maria WIJERS (masaĝistino), Eschdoornstraat 94, Den Haag, Holando.
537. H. HATTEMER, Hauptstrasse 12, Solothurn, Svisujo.
538. S-ino Filia ARNAUD (instruistino), rue Saint-Jacques 11, Grenoble (Isère), Francujo.
539. Michael EHBAUER (verkisto), Hesstrasse 100, München, Germanujo.
540. F-ino Lies REITSMA, Kanaalstraat 18, Leeuwarden, Holando.
541. Jacob KASTELEIN (metal-tornisto), Hoekenessestraat 14, Dordrecht, Holando.
542. Cyril Walter GARDNER (kontkontrolisto), Moor View Road 35, Woodseats, Sheffield, Anglujo.
543. Emile MÜLLER (bankprokuristo), Hofackerstrasse 74, Zürich, Svisujo.
544. F-ino Luise FROST (prokuristino), Artura Grottgera 7, Bydgoszcz, Polujo.
545. S-ino Edith Marion KENDRICK, Spencer Road 33, East Molesey, Surrey, Anglujo.
546. S-ino Anna M. DE LUYCK, Zurenborgstraat 64, Antwerpen, Belgujo.
547. René GUINAUD (inĝeniero), rue Blanchard, Ballancourt (S.-et-O.), Francujo.
548. S-ino Geneviève GUINAUD, rue Blanchard, Ballancourt (S.-et-O.), Francujo.
549. Marc PUJO (vinberisto-bienulo), Château Boisset, Berson (Gironde), Francujo.
550. Pierre PUJO, Château Boisset, Berson (Gironde), Francujo.
551. F-ino Friederike GANSING, Eisenbahnstr. 43, Kaiserslautern, Pfalz, Germanujo.
552. Georges MONNOT (studento), rue de la Prairie 8, Château-Thierry (Aisne), Francujo.
553. Hilding RYNOLF (oficisto), Trotsgatan 94, Falun, Svedujo.
554. Eugène GABERT, rue Claude-Delaroa 29, Saint-Etienne (Loire), Francujo.
555. S-ino Jeanne GABERT (instruistino), rue Claude-Delaroa 29, St-Etienne (Loire), Francujo.
556. Lucien-Jacques THÉVENIN (komerca fakestro), rue Cécile-Sauvage, Saint-Etienne (Loire), Francujo.
557. ESPERANTO-GRUPO DU HAVRE, rue de l'Eglise 56, Le Havre (Seine-Inf.), Francujo.
558. Bruno FRÖHLICH (inĝeniero), Torstrasse 1 A, Hannover, Germanujo.
559. Edouard STETTLER, Bundesgasse 16, Berne, Svisujo.
560. Douglas Phillips BOATMAN (okula optikisto), Westbourne Grove 22, Westcliff-on-Sea, Essex, Anglujo.
561. S-ino Valerie BOATMAN, Westbourne Grove 22, Westcliff-on-Sea, Essex, Anglujo.
562. Richard Arthur CROSTON (notario), Westborough Road 162, Westcliff-on-Sea, Essex, Anglujo.
563. S-ino Mary CROSTON, Westborough Road 162, Westcliff-on-Sea, Essex, Anglujo.
564. Vilhelmo BLEIER (oficisto), Mester 53, Budapest-IX, Hungarujo.
565. F-ino Jeanne BANCE, rue de Thérouanne 137, Saint-Omer (Pas-de-Calais), Francujo.
566. Prof. Henri MOUTON (universitata profesoro), rue Mathurin-Régnier 42, Paris-XV, Francujo.
567. S-ino H. MOUTON, rue Mathurin-Régnier 42, Paris-XV, Francujo.
568. Prof. Gaston WARINGHIEN (universitata profesoro), place Simon-Vollant 13, Lille (Nord), Francujo.

569. Hugo GERNSBACHER (inĝeniero), Trajanstr. 25, Köln a/Rh., Germanujo.
570. S-ino Eugénie LEPAN, rue de la Villette 18, Paris-XIX, Francujo.
571. John Mabon WARDEN, Cluny Drive 41, Edinburgh, Skotlando.
572. Prof. Masao SUZUKI (universitata profesoro), ĉe T. E. Collier, Panton Street 19, Cambridge, Anglujo.
573. Georges GRISEL, rue des Marais 1, Auvers-sur-Oise (S.-et-O.), Francujo.
574. Victor O. de ALLENDE (inĝeniero), Gran Via, Diputación, Bilbao, Vizcaya, Hispanujo.
575. J. A. J. SLAATS (librotenisto), Dorpstraat A. 34 b., Aarle-Rixtel, Holando.
576. Jos. MEUER, Bingerstr. 19, Mainz, Germanujo.
577. F-ino Teuna Maria VAN WEEZEL (instruistino), Jul. v. Stolberglaan 57 b, Hillegersberg (bij Rotterdam), Holando.
578. S-ino Anny M. DEKKERS, Rochussenstraat 235, Rotterdam, Holando.
579. F-ino Anny LEUSINK (desegna instruistino), Lange Geer 95, Rotterdam Zuid, Holando.
580. F-ino Hermina Alberta WILLEMSEN (instruistino), Weerdjesstraat 153, Arnhem, Holando.
581. F-ino Alida Maria BERNTSEN (instruistino), Kraijenhofflaan 24, Nijmegen, Holando.
582. D-ro W. A. M. CREMERS (advokato), Eusebiusbuitensingel 44 b, Arnhem, Holando.
583. S-ino Francina Antonetta MOREAU-ASSENDORP (eksinstruistino), Raapopsche weg 55, Arnhem, Holando.
584. A. Leopold MOREAU (instruisto), Raapopsche weg 55, Arnhem, Holando.
585. F-ino D. SIMONIS (instruistino), Broersvest 99, Schiedam, Holando.
586. Gerrit de JONG (poŝtoficisto), Jan Steenstraat 10, Huizum (bij Leeuwarden), Holando.
587. F-ino Jólan DRECHSLER (manlaboristino), Ćerná Pole 22-a, Brno, Ĉeĥoslovakujo.
588. R. C. E. GONIN (seĝ- kaj brosfaristo), rue de Sèze, Lyon-VI, Francujo.
589. Jean BRONNE (komerca direktoro), rue de Siam 15, Paris-VI, Francujo.
590. Jenö RÁCZ (juristo), Máv. Északi fömühelytelep 17, Budapest-X, Hungarujo.
591. F-ino Cecilia Florence GRANT (plattrikmaŝinistino), Richmond Avenue 47, Manchester, Anglujo.
592. F-ino M. FRAINE (plattrikmaŝinistino), Bakewell Street 53, Manchester, Anglujo.
593. F-ino Eva Margareta TISELL (lingva instruistino), Pilgatan 5, Svedujo.
594. F-ino Teresie RACKOVÁ (orgenistino), Würnitz bei Korneuburg, Aŭstrujo.
595. F-ino Gisella MASAROVÁ, Mudronova cesta 468, Bratislava, Ĉeĥoslovakujo.
596. Miklos BLUM (brosfaristo), Slovensko Ĉúz, Ĉeĥoslovakujo.
597. F-ino Minny MIKSCH (muzikinstruistino), « Palata » 737, Praha-XVI, Ĉeĥoslovakujo.
598. S-ino Josefa BLAZKOVÁ (muzikinstruistino), Fitichova 8, Praha-XVI, Ĉeĥoslovakujo.
599. F-ino Elisabeth RECHNITZ (kantistino), Wünschendorferstr. 7, Poprad, Ĉeĥoslovakujo.
600. S-ino Berta STEJSKALOVÁ, Komenského 11, Praha-XVI, Ĉeĥoslovakujo.
601. Jaroslav ŜKODA (oficisto), Korunní trída, Továrna « Orion », Praha-XVI, Ĉeĥoslovakujo.
602. F-ino Marie TRACHTOVÁ (oficistino), Kurunni trída, Továrna « Orion », Praha-XVI, Ĉeĥoslovakujo.
603. Rudolf KRCHNAK (muzikinstruisto), Francouska ul. 19, Brno, Ĉeĥoslovakujo.
604. Giovanni ROTONDO (profesoro), Corso Mazzini 75, Bari, Italujo.
605. F-ino Augusta LAPP, rue des Bains 26, Genève, Svisujo.
606. Pastrino Grace MEWHORT, Broughton Terrace 5, Banbury, Oxon., Anglujo.
607. F-ino Agnes HOGG, Bradford Street 25, Chester, Anglujo.
608. F-ino Hilda GWILLIAM, Lawrence Road 52, Wavertree, Liverpool, Anglujo.
609. F-ino Elizabeth H. FOX (instruistino), Cheverton Avenue 45, Withernsea, Yorkshire, Anglujo.
610. F-ino Eveline RAKE, Broughton Terrace 5, Banbury, Oxon., Anglujo.
611. F-ino Clara Lilian BUSBY (presasistantino), Calthorpe Road 64, Banbury, Oxon., Anglujo.
612. F-ino Ivy Kittie DUNN (oficistino), Easington Road 38, Banbury, Oxon., Anglujo.
613. F-ino Varney CASMORE (servistino), Edward Street 14, Banbury, Oxon., Anglujo.
614. Noel WOODING (trikotaĵfabrikisto), Andover Street 15, Leicester, Anglujo.
615. F-ino Eva TIBBLING (instruistino), S. Nygatan 7, Norrköping, Svedujo.
616. F-ino Ester LARSSON (instruistino), Thulegatan 10, Norrköping, Svedujo.
617. F-ino Mathilde SCHIRBER, boulevard Antoine-Gautier 50, Bordeaux (Gironde), Francujo.
618. F-ino Marion Ida SMITH (oficistino), Ecclesall Road 730, Sheffield, Yorkshire, Anglujo.
619. Alfred W. (adreso ne publikigita laŭ peto), Paris, Francujo.
620. S-ino ETIENNE, rue Bourg-Neuf 79, Blois (Loire-et-Cher), Francujo.
621. Józef PONCZA (agrikulturisto), Ropice 64, apud Ĉ. Têŝin, Ĉeĥoslovakujo.
622. F-ino Bep. M. BRESLER, Hoogstraat 65, Werkendam, Noord-Brabant, Holando.
623. S-ino Jacob ALBERT, boulevard Dessaise (Esperanto-Dometo), Thonon-les-Bains (Haute-Savoie), Francujo.
624. S-ino Henriette GARNIER-MAZER, rue de la Sablière 9, Paris-XIV, Francujo.

**Laŭlanda Statistiko :** Alĝerio, 1 ; Aŭstrujo, 2 ; Belgujo, 28 ; Ĉeĥoslovakujo, 20 ; Danzig (Libera Urbo), 1 ; Finlando, 1 ; Francujo, 255 ; Germanujo, 36 ; Granda Britujo, 58 ; Grekujo, 1 ; Hispanujo, 10 ; Holando, 56 ; Hungarujo, 15 ; Irlanda Libera Ŝtato, 1 ; Italujo, 7 ; Japanujo 1 ; Jugoslavujo, 4 ; Maroko, 1 ; Norvegujo, 1 ; Polujo, 15 ; Rumanujo, 1 ; Saar-Teritorio, 2 ; Sovet-Rusujo, 2 ; Svedujo, 10 ; Svisujo, 12 ; Usono, 2.

**Entute, 543 kongresanoj el 26 landoj.**

L. N. Newell,
*Ĝenerala Sekretario de la L. K. K.*

---

# Fervojaj Biletoj en Francujo

Sur la francaj fervojoj la kongresanoj ĝuos rabaton de 50 % por ĉiu ir- kaj reven-bileto. Pro la ŝtataj impostoj ili pagos efektive 0,575 de la ordinara simpla bileto (tio estas, la efektiva rabato estas 42 1/2 %).

La rabato validas de la 25-a de julio ĝis la 16-a de aŭgusto inkluzive. Ĝi valoras nur por la kongresanoj, kiuj loĝas je pli ol 50 kilometroj de Parizo.

La francaj kongresanoj, kiuj volos ĝui tiun profiton, devos indiki al la L. K. K. sur la mendilo sian nomon kaj la stacion de kiu ili eliros kaj al kiu ili revenos.

La alilandaj kongresanoj devos indiki al la L. K. K. sur la mendilo sian nomon, la limstacion tra kiu ili penetros Francujon, kaj la limstacion tra kiu ili eliros. Tiuj du limstacioj povos esti malsamaj, sed ne malproksime unu de la alia. Oni povas, ekzemple, elekti inter du vojoj por eliro kaj reeniro de Italujo, sed oni ne povas veni el Italujo kaj eliri el Francujo en Belgujon aŭ Hispanujon.

La L. K. K. petos de la fervojaj kompanioj la necesajn rabatilojn kaj sendos ilin al la interesatoj. La kongresano devos subskribi la rabatilon, kaj, prezentante ĝin al la biletvendejo en la limstacio, aĉetos sian bileton rabatitan por Parizo.

Hispanaj kongresanoj notu, ke la plej oportuna stacio por ili en Parizo estas Paris-Austerlitz, ĉe kiu haltas ĉiuj rapidaj vagonaroj.

Tio estas la plej simpla agmaniero.

Tamen, la alilandaj kongresanoj, kiuj alvenos en Francujon per fervojo, povos agi laŭ la metodo indikita ĉi sube :

**Karavanoj.** — Por eviti tro longan atendon ĉe la biletvendejo en la landlima stacio, la karavanoj, respektive la karavanestroj, agos singardeme, se ili antaŭe skribos al la limstaciestro, indikante la ĝustan tagon kaj horon de sia trapaso, kaj la nombron da biletoj de ĉiu klaso, kiun ili bezonos. Ili zorge antaŭsciigu la staciestron, ke ili havas rabatilojn je 50 % *(bons individuels de demi-tarif pour Paris, voyage simple, impôts en sus).*

La karavanoj indiku al la L. K. K. la horon kaj tagon de sia alveno en Parizo, kaj la nombron de siaj anoj.

**Izoluloj.** — La izoluloj, kiuj ne volas aĉeti sian bileton en la limstacio, povos peti al la L. K. K., ke ĝi aĉetu ĝin en Parizo kaj sendu ĝin al ili. Jen estas la necesa procedo : La L. K. K. sendos al la kongresano la mendilon. Tion ĉi la kongresano kompletigos kaj sendos al la L. K. K. Post kelkaj tagoj la L. K. K. sendos al la kongresano la rabatilon. Tion la kongresano resendos al la L. K. K., *subskribita,* kun la necesa sumo (montrita en la tabelo ĉi sube) por la bileto. Post kelkaj tagoj la L. K. K. sendos la bileton kun la rabatilo al la kongresano. Notu du aferojn : la kongresano, post ricevo de sia bileto, devos zorge konservi sian rabatilon, por aĉeto de la reven-bileto en Parizo ; kaj due, por uzi tiun ĉi metodon, la kongresano devos sendi sian rabatilon kaj sian monon al la L. K. K. *almenaŭ 20 tagojn antaŭ la dato de sia intencita foriro.*

**Vojaĝ-agentejoj.** — Plejparte la vojaĝ-agentejoj ne liveras tiajn rabatitajn biletojn. Tamen, la kongresanoj povos demandi ilin ; eble kelkaj akceptos. Oni sciigu precize, ke la rabatilo ne estas kongrespermeso *(autorisation de congrès),* sed rabatilo individua je 50 % (vidu supre).

Jen estas la tabelo de la sumoj sendotaj al la L. K. K. por aĉeti sian bileton de la limstacio ĝis Parizo :

| *Limstacio :* | *Sumo sendota :* 1-a klaso | 2-a klaso | 3-a klaso |
|---|---|---|---|
| Kompanio Nord : | | | |
| Ghivelde | 85,25 | 57,50 | 37,75 |
| Tourcoing | 72,— | 48,75 | 31,75 |
| Baisieux | 71,— | 48,— | 31,25 |
| Feignies | 61,75 | 41,50 | 27,15 |
| Jeumont | 62,25 | 42,25 | 27,50 |
| Anor via Laon | 55,— | 37,— | 24,50 |
| Anor via Aulnoye | 66,50 | 44,75 | 29,25 |
| Kompanio P. L. M. : | | | |
| Vallorbe | 120,25 | 81,— | 53,— |
| Genève | 157,— | 106,25 | 69,— |
| Modane | 174,75 | 118,25 | 77,— |
| Vintimille | 289,25 | 195,50 | 127,50 |
| Kompanio Alsace : | | | |
| Sarrebruck | 130,75 | 88,25 | 57,60 |
| Wissembourg via Thiaucourt | 117,50 | 79,75 | 52,— |
| Kehl | 136,— | 91,75 | 60,— |
| Bâle | 136,75 | 92,25 | 60,25 |
| Wissembourg via Nancy kaj Strasbourg | 149,— | 100,75 | 65,50 |
| Kompanio Midi : | | | |
| Cerbère | 252,30 | 170,45 | 111,25 |
| Irun (Hendaye) | 213,95 | 144,55 | 94,20 |

# Antaŭkongreso en Lyon

La Redakcio ricevis la jenan sciigon :

Helpe de la kunlaboro de la Lyon'aj Esperantistaj societoj, la Lyon'a sekcio de U. E. A. organizas la 28-an kaj 29-an de julio Antaŭkongreson, al kiu estas kore invitataj ĉiuj Esperantistoj, kiuj vojaĝos al la Pariza Kongreso.

**Organiza Komitato :** Honora Prezidantino, s-ino Farges (eks-delegitino de U. E. A.) ; Prezidanto, s-ro E. Borel (delegito de U. E. A.) ; Vicprezidantoj, s-ro G. Pouchot (Administranto de S. F. P. E., Sekretario de Lyon'a Esperantista Amikaro) kaj s-ro Courtinat (delegito de U.E.A. en Bellerive) ; Kasisto, s-ro Mage ; Sekretario, s-ro Richard Levin ; Help-Sekretario, s-ro Bourgeois.

**Programo :**

JAŬDO, 28 julio : 20 h. 1/2, Amika kunveno en la ĝardenoj de kafejo « Chalet du Parc » en Urba Parko « Tête d'Or ».

VENDREDO, 29 julio : de la 8 h. ĝis la 10 h., Kongresa Kunveno ; raportoj kaj diskutoj.

10 h. Ekiro de Komerca Palaco por viziti la monteton Fourvière; reveno tra malnova kvartalo St-Jean, kie okazis la katastrofo en 1930.

De la 14-a ĝis la 16-a, Ĝenerala vizito de la urbo. Du gvidotaj grupoj ; unu en aŭtoĉaro, la alia iranta piede kaj tramvoje.

**Akceptejo :** Loĝoficejo de la Foiro *(Bureau de Logements de la Foire)* en aparta pavilono apud la norda elirejo de la stacidomo Perrache.

**Kongresa Sidejo :** Palais du Commerce, Place de la Bourse.

**Kotizoj :** Aktiva membro, 20 francaj frankoj; simpla membro, 10 francaj frankoj (ĉi tiu lasta estas favora prezo por junuloj, familioj, malriĉaj samideanoj k. t. p.).

Vizito de la urbo en aŭtoĉaroj : 12 frankoj.

**Informoj :** Oni skribu al la Sekretario : s-ro Richard Levin, rue Menestrier, Lyon (telefono : Burdeau 55-05).

**Pagoj :** Oni sendu kotizojn kaj pagojn por la ekskurso al la Kasisto : s-ro Mage, Sekretario de C. R. C. I. A., 46, rue de l'Hôtel-de-Ville, Lyon (telefono : Franklin 36-05 ; poŝtĉeka konto N-ro 157-48).

# Pri kelkaj aspektoj de Parizo

*(Sekvo kaj fino.)*

KIU ne aŭdis pri la Grandaj Bulvardoj, ĉefa arterio de Parizo? Iam, antaŭe, dum kaj tuj post la milito, tiuj bulvardoj estis centro de teatra, kineja kaj promenada vivo de la parizanoj. Sennombraj luksaj kafejoj dumtage kaj dumvespere neniam malpleniĝis, la larĝaj trotuaroj estis tro mallarĝaj kaj dum kelkaj tradiciaj festoj: la Grasa Mardo, la Fasto-Mezo, la 14-a de julio (franca Nacia Festo) ŝajnis, ke tuta vivo de la urbo koncentriĝadis en tiu grandega avenuo. Sed jaroj pasis kaj la karaktero de la bulvardoj ŝanĝiĝis. Certe, ĝi ĉiam estas centro de l' teatra kaj kineja vivo: la Granda Opero, la Opero-Komika kaj proksimume dekkvin teatroj kaj varieteoj viciĝas laŭlonge de tiu vojo aŭ troviĝas en la apudeco; la plej belaj kaj plej grandaj kinejoj fulm-lumigas vesperan ombron sur siaj blindigaj fasadoj. Sed oni ne plu vidas vespere tiujn multnombrajn promenantojn de iama tempo. Ĉu moroj aliiĝis? Oni ne plu promenadas sencele, oni restas prefere hejme, aŭskultante radion. Ĉu la promenadema gento migris aliloken? Nur dimanĉe oni renkontas ankoraŭ ĉirkaŭ-urbanojn, kiuj venas por admiri belegajn fenestr-ekspoziciojn de magazenoj. Kafejoj malaperis, ilin anstataŭis bankoj; aliaj aliformiĝis kaj moderniĝis, sed ne plu estas en ili tiu febra agiteco. La bulvardoj fariĝis centro de komercaj aferoj, kaj sen la teatroj kaj kinejoj, vespere, malgraŭ la intensa ilumino, ili estus absolute mortaj.

* * *

En la historio de la franca sprito kaj de la franca kanzono, ĉefan kaj unuavican lokon okupas Montmartre. Por parizanoj, esti montmartrano ŝajnas kvazaŭ honoro. Malnova patrolando de pentristoj, de kanzonistoj, de ĉio, kio en Parizo estis Arto, Montmartre perdis nun grandan parton de sia graveco kaj vivas iom je sia antikva gloro; ĝi tamen konservis parte sian specialan karakteron. La nova, moderna Montmartre: stratoj Pigalle, Fontaine, altiras fremdlandanojn per siaj luksaj noktaj dancejoj; sed se tiuj de Montparnasse havas artistajn tendencojn, tiuj de Montmartre havas aspekton nur... riĉan. Tamen, sprito ne forlasis tiun kvartalon: ĝi vivas ne nur en la literaturaj kabaretoj, kies plejmulto troviĝas tie, sed ankaŭ en la popolamaso, kiu estas esence « montmartra ». Cetere, tiu karaktero estas komuna al la Malnova Montmartre. Tiu Malnova Montmartre, super kiu arte regas la « Libera Komunumo de Montmartre » kaj la « Respubliko de Montmartre », estas eble la plej interesa, plej ĉarma, ĉefa vidindaĵo de l' franca ĉefurbo. Estas malfacile priskribi ĝian aspekton, oni devas ĝin vidi por plene ĝui ĝian neimageblan atmosferon: malnovaj stratoj, kafejoj kun ĝardenoj kaj laŭboj, kanzonistaj kabaretoj, kie floras ankoraŭ la malnova franca kanzono, «strangaj» butikoj, en kiuj oni trovas ĉiuspecajn artaĵojn, tiu parto de la urbo estas heredinto kaj gardisto de tio, kio estis iam Montmartre: samtempe ĉefurbo kaj provinco, artisto kaj popolo, kaldrono, en kiu bolas la kvintesenco mem de la franca spirito kaj sprito. Malfeliĉe, la stulta kaj konkiranta drako de progreso ĉiam pli kaj pli profunde almilitas tiun pecon de Parizo, kaj proksima estas la tempo, kiam tiu postvivaĵo de la pasinteco malaperos je granda domaĝo de la belo.

Por ni, Esperantistoj, tiu kvartalo havas cetere alian intereson: ĉi tie, en la Gaumont-Palace, devis okazi la X-a Internacia Kongreso de Esperanto.... Ĉi tie dum multegaj jaroj la Centra Oficejo sub la malavara gvidado de generalo Sébert, kaj la Centra Librejo Esperantista, estis bastiono de Esperanto.... Pasinteco... konforme al la ĝenerala karaktero de la kvartalo.... Sed ne estas tempo por larme malesperi: Pasinteco devas fariĝi Estonteco... dank' al la XXIV-a.

JOSEPH NELS.

# Dolora sciigo

Nova bato de l' sorto falis sur la parizajn Esperantistojn. Unu el niaj plej respektataj amikinoj nin forlasis post mallonga malsano. Ni devus diri: unu el niaj plej amataj fratinoj, ĉar por ŝi ne estis malplena esprimo « la Granda Rondo Familia ». Multaj el niaj gesamideanoj tion spertis mem.

Sinjorino Tiard mortis!

Tiuj kelkaj vortoj efikis sur la parizaj gesamideanoj plej dolorige. Ĉiam kaj ĉie ili kutimis vidi la afablan rideton de nia plej fidela samideanino. Kaj des pli kruela estas tiu bato de l' sorto, ke sinjorino Tiard malaperas kelkajn semajnojn antaŭ la Kongreso, al kiu ŝi aliĝis kiel unua (N-ro 101). Ŝi estas unu el la malmultaj Esperantistoj, kiuj ĉeestis ĉiujn kongresojn.

Sinjorino Tiard prezidis la parizan sekcion « Paris-Sud », ŝi prezidis ankaŭ asocion de l' tutmonda virinaro, al kies starigo ŝi partoprenis. Ŝi estis senlaca propagandistino kaj alportis sian helpon pli speciale al la sudfrancaj kaj alĝeriaj grupoj, kiujn ŝi ofte vizitis.

Niaj gesamideanoj, gesinjoroj Ch. Tiard, akceptu niajn plej sincerajn kondolencojn.

# Esperantista Centra Librejo

Oni scias, ke d-ro Zamenhof cedis siatempe la eldonrajton de siaj verkoj al la firmo Hachette. Sub la lerta instigo de Carlo Bourlet tiu firmo, eldonante la verkojn de nia Majstro, akiris certan meriton pro la disvastigado de nia literaturo kaj pro la forta subteno, kiun ĝi donis malavare al nia movado.

Kiam post malapero de nia bedaŭrata Carlo Bourlet kaj post la malfacilaj jaroj de l' milito, en 1919, la firmo Hachette ne plu emis okupiĝi tiel aktive pri Esperanto, kreiĝis en Parizo anonima societo, kun malgranda kapitalo, kiu aĉetis de Hachette je favoraj kondiĉoj la tutan Esperantan stokon samtempe kun la rajto eldoni je sia propra konto la verkojn de d-ro Zamenhof: la Esperantista Centra Librejo.

Ĝi instaliĝis en malgranda ejo, teretaĝa butiko, en la strato Clichy 51, kaj tuj entreprenis reeldonon de la plej urĝe bezonataj lernolibroj kaj vortaroj, kiuj estis elĉerpiĝintaj dum la militjaroj kaj nun mankis al la propagando. Havante kiel solan celon la okupiĝon pri nur Esperantaj eldonaĵoj, la Centra Librejo povis sin dediĉi tute al sia tasko.

En oktobro 1931 la Centra Librejo forlasis sian ĝisnunan hejmon kaj instaliĝis en pli komforta ejo : 11 rue de Sèvres, en la Latina Kvartalo, centro de l' librokomerco. Tie ĝi havas je sia dispono, sur la dua etaĝo de moderna domo (kun lifto), tre vastan ĉambregon, kiun dum la Kongreso multaj Esperantistoj sendube deziros viziti kaj kie ilin afable akceptos s-ro Dauphin, nia « antikva » kaj simpatia samideano, kun siaj du junaj helpantinoj.

Pri la agado de la Librejo oni havas pli bonan ideon, se oni komparas la ciferojn de l' suba tabelo, kiu montras la disvolvon de l' vendado :

| Jaro | Societa kapitalo | Sumo de l' dumjara vendado |
|---|---|---|
| 1920.......... | 45.600 | 21.930 |
| 1925.......... | 50.000 | 80.610 |
| 1926.......... | 61.225 | 98.451 |
| 1930.......... | 76.325 | 101.985 |

Dum la jaro 1931 la vendado atingis preskaŭ 125.000 fr., kaj entute, depost 1920, ĝi atingas preskaŭ unu milionon da frankoj.

La Librejo eldonis aŭ reeldonis pli ol 50 diversajn verkojn kaj havas krome konstantan stokon de preskaŭ ĉiuj libroj eldonitaj de alilandaj entreprenoj.

Ĝia kapitalo sumas hodiaŭ 78.000 fr. proksimume kaj konsistas el akcioj je 25 fr.

# Nia Titolo

La titolo de tiu ĉi numero estas kompostita en la karaktero Grasset, kiun desegnis en 1899 la franca gravuristo Grasset, laŭ la peto kaj sub la direktado de Georges Peignot. La karaktero estis treege populara dum multaj jaroj ; ni notu, ke oni uzis ĝin por la ĉefa kaj aliaj titoloj de la Kongresa Gazeto de la Deka Kongreso en 1914. Sen iu grava kialo, ĝi fariĝis malpli populara dum la lastaj jaroj, kaj tekstoj per ĝi kompostitaj havas nemodan, « antaŭmilitan » aspekton. Sed ĝi estas bela karaktero, kaj kredeble rekaptos la publikan guston.

La kompostadon kaj kliŝigon faris la fandejo Deberny & Peignot en Parizo.

# Fakaj Organizoj

La Redakcio ricevis la jenan noton de la Prezidanto de la Komisiono pri Fakaj Kunvenoj:

Ĉiu kongresano, kiu estas membro de profesia asocio, nacia aŭ internacia, aŭ membro de diversĉelaj societoj, kluboj, ligoj, k. t. p., eksterprofesiaj, bonvolu skribi al la koncerna asocio por demandi :

1. Ĉu la asocio intencas sendi delegiton al la XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto en Parizo.

2. Se ne, ĉu la asocio almenaŭ konsentos doni tiun delegitecon al la skribanto, kiu persone ĉeestos la Kongreson kaj povos eventuale saluti la kelkmilan ĉeestantaron en la nomo de la asocio, kaj poste raporti al la asocio pri la demandoj studitaj en la koncerna faka kunsido, kiu pli speciale interesas la asocion.

*Noto.* — Plena nomaro de la Honora Patrona Komitato estos laŭ peto sendata al ĉiu interesata kongresano, por doni pli da efiko al lia letero.

**La proksima numero de la « Gazeto de la XXIV-a » aperos la 10-an de julio, tiel, ke la kongresanoj povos ĝin ricevi antaŭ sia forveturo.**

**Dum aŭgusto la « Gazeto de la XXIV-a » ne aperos.**

**La lasta numero aperos dum septembro.**

# NI BABILADU PRI PARIZO

Tie, en la antaŭa urbodomo, okazis la disfalo de la potenco de fama Robespierre, la « nesubaĉetebla », kies makzelon pafe frakasis Meda en iu verda skriboĉambro, kie sin mortigis ankaŭ Lebas. En la nokto de tiu tago, la 9-a de la monato « Thermidor » (27-a de julio 1794), la frato de Robespierre provis ekforkuri laŭlonge de l' unuaetaĝa kornico, sed komprenante, ke li ne sukcesos, li sin ĵetis sur la antaŭpordan ŝtupareton, preskaŭ premplatigante du el la alvenantaj revoluciistoj. La du vunditaj Robespierre estis la sekvantan tagon forportataj al la gilotino.

Ni forlasu nun tiun placon de la *Hôtel de Ville*, kiu estis antaŭe nomata placo *de la Grève*, ĉar dum la unuaj jarcentoj de nia epoko tie estis tiunoma haveno. Tiu ĉi placo vidis multajn okazintaĵojn kaj multajn ekzekutojn, inter tiuj la turmentadon de grafo Montgoméry, kiu akcidente mortvundis la reĝon Henriko II (1574), de Ravaillac, kiu mortigis la reĝon Henriko IV (1610), la gilotinumon de Fouquier Tinville, la fama revolucia akuzisto (1795).

Apude staras la turo *Saint-Jacques* (1508-1522) el eleganta pintarka stilo, lasta restaĵo de preĝejo *Saint-Jacques-de-la-Boucherie*. Promenante en tiu malnova kvartalo ni eble iros ĝis strato *de la Ferronerie*, kie la 14-an de majo 1610 reĝo Henriko IV estis mortigita de Ravaillac. Tiu strato havis tiam tute alian aspekton. Efektive, sur la norda flanko de la strato staris muro de la fama mortintejo de la *Innocents* (Senkulpuloj). Tiu mortintejo estis ĉirkaŭata je tri flankoj de ostejoj. La ostoj amasiĝis en grandaj ĉambroj, unuaetaĝe lokitaj laŭlonge kaj interne de la muroj. Sur la eksteraj flankoj de tiuj muroj estis butikoj, sub la ostejaj ĉambregoj. En 1782 la ostaro estis iĝinta tiel peza, ke ĝi krevigis la plafonojn kaj falis en la butikojn. Oni ĉesis enterigi en 1786 en tiu grundo, kies ternivelo estis multe plialtiĝinta pro la 1.200.000 kadavroj, kiuj kuŝis tie. La sekvantan jaron oni malkonstruis la preĝejon *des Saints-Innocents*, en kiu troviĝis kiel relikvo tuta kruro de unu el tiuj infanoj, kiujn Herodo mortigis en Judeo dum la junaĝo de Jesuo.



*Foto Yvon*

KURIOZA STRATETO, KUN VIDO AL LA PLACO MAUBERT KAJ LA PANTEONO, TRE PROKSIME DE LA KONGRESEJO

Sed ni daŭrigu nian rondiradon ĉirkaŭ la insulo *Cité* kaj revenu al la placo

*Châtelet,* kie nun staras inter la teatroj Sarah Bernhard kaj Châtelet la fontano de l' Venko. Tie troviĝis antaŭe la granda *Châtelet* kaj ankaŭ la *Parloir aux bourgeois* (paroladejo de la burĝoj), tiama urbdomo (XIII-XIV jarc.). Tiu *Châtelet* (kasteleto) estis fortikaĵo konstruita ĉe la tiea pordo de Parizo kaj kiu ekzistis jam en 1147. Tie oni kolektis doganimpostojn. Memoraĵo restas al ni pri tiuj impostoj.

Depost la tempo de Ludoviko IX (1270), por ĉiuj bestoj enirantaj Parizon oni devis pagi, kaj tiel ekzemple la prezo de l' imposto estis por simio kvar *deniers*. Sed se la simio apartenis al dresisto, ĉi tiu povis, anstataŭ pagi, dancigi la beston antaŭ la impostkolektisto. Tion oni nomis « pagi per simia mono », kaj tiu ĉi esprimo fariĝis konstanta parolturno en la franca lingvo. Pli malproksime jen la interesa preĝejo *Saint-Germain-l'Auxerrois.* La unuan preĝejon oni konstruis tie verŝajne okaze de mirakloj faritaj de la sanktulo Germain, la Auxerre-ano, dum unu el liaj vojaĝoj al Parizo (428-446). Tiu preĝejo fariĝis fama ankaŭ tial, ke ĝi enhavis la korpon de sankta Landry. Ĝi estis detruita de la normandoj, kiuj ĉirkaŭis ĝin per fosaĵo. Tiun fakton rememorigis al ni, ĝis antaŭ nelonge, la nomo de la tiea strato. Robert la Pia ĝin rekonstruis. Pro ĝia proksimeco al la palaco Louvre ĝi baldaŭ fariĝis la reĝa preĝejo. Rekte kontraŭ ĝia eleganta pintarkaĵa fasado ni vidas tiun imponan kaj mondfaman palacon Louvre, pri kiu ni parolos pli detale proksiman fojon.

ELBE.



Centra Presejo Esperantista (V. POLGAR), 33, rue Lacépède, Paris — *Le Gérant :* RAYMOND SCHWARTZ.